# BULTENO
de la Internacia Federacio Esperantista Fervojista

IFEF

Sekretariejo: Orteliusstraat 108/III, Amsterdam, Nederlando
Redaktejo: von Liebigweg 26, Amsterdam,

JARO 9a - No.4
FEBRUARO 1957


## JARRAPORTO DE LA SEKRETARIO PRI LA JARO 1956

Retirante la spiron la homaro travivis la lastajn monatojn de la ĵus pasinta jaro pro timo de novaj militminacoj. Kvankam ne estas nia tasko doni detalan juĝon pri la politikaj okazintaĵoj ni, kiel ĉefestraro, ne povas esti voleblinda ĉar la fundamento de nia tuta movado estas, propagandi nian internacian lingvon inter la popoloj sed plenumi tiun taskon en la spirito Zamenhofa. Se ni silente aprobus ĉian perforton kontraŭ alia ni estus la fosantoj de nia propra tombo malgraŭ ni ne povas rigardi ĉiun politikan agon aparte tra la samaj okulvitroj.

Naturkatastrofoj jam alportis funebron al miloj da familioj en la pasintaj postmilitaj jaroj sed nun homaj ordonoj kaŭzis saman efikon.

Kia ajn estu la politika aŭ religia konceptoj de niaj membroj, en nia movado ni havas ion komunan, t.e. servi al la paco kaj krei interfratiĝon de la popoloj. Malgraŭ la diverseco en niaj naciecoj ni sentu nin forte kunligitaj en la pensoj, ke ĉiu mondcivitano havu la samajn dezirojn kaj sopirojn, kiajn ni mem. Ni funebru pri la miloj da viktimoj kaj la dissemita mizero kaj laŭpove mildigu la suferadon de tiuj, kiuj kiel forpelitoj serĉas novan estonton en senkompata mondo.

Tiurilate miaj vortoj en mia pasintjara raporto sur paĝo 6a de la Februara Numero 1956a ankoraŭ validas kaj ni nur esperu, ke en la jaro 1957a la racio triumfu.

Estas ĝojiga fakto, ke niaj aktivuloj obstine rifuzas substreki en la praktiko mian pesimismon pri la estonto ĉar ankaŭ en mia 9a jarraporto mi devas mencii progreson, ni atingis eĉ kelkajn rekordojn.

El tio montriĝas, ke mi estas malbona profeto, kion mi tamen kun ĝojo akceptas. La progreso kaj la atingitaj rekordoj ne estas tiaj, ke ili kaŭzu al ni hurakriadon ĉar esence estas aliaj faktoroj, kiuj plej ĝojigas nin. Ekzemple la funkciado en la landaj sekcioj multe pliboniĝis kvankam eta escepto ankoraŭ ekzistas. Krom nia bonsukcesa kongreso en Stokholmo okazis dum la Universala kongreso en Kopenhago fakkunveno de IFEF, gvidita de nia svisa kolego Otto Walder kaj bonege organizita

de nia Dana kolego Henning Olssen. Al nia 8a kongreso partoprenis proksimume 400 gekolegoj kaj al la fakkunsido 40 el 15 kaj 9 landoj, en la fakkunveno eĉ kolego el Bulgario. En Vieno okazis Feria semajno laŭ invito de la Aŭstria Fervoja Administracio kun 130 partoprenintoj el 9 landoj, ĉiĉio montras la aktivecon en niaj vicoj. Se mi aldonas la decidon de la GEFA-estraro, ke ekde la 1an de januaro 1957 ĉiuj anoj de GEFA aŭtomate estu IFEF-anoj, ni povas esti kontentaj pri la farita laboro en 1956a. Jen kelkaj pli detalaj informoj:

**La membronombro:**

En la komenco la jaro 1956a estis multpromesa pro la malstreĉiĝo sur politika tereno, pro kio estiĝis relative bona kontakto kun kolegoj en la orientaj landoj. Detale ni informis la skribintojn pri IFEF kaj skribis al diversaj instancoj en Pollando, Hungario kaj Bulgario laŭ la ricevitaj petoj. Ke ni ne jam atingas definitivajn rezultojn estas malpli grave sed ni timas prokraston pro la lastaj okazintatoj en Pollando kaj Hungario. La membronombro je la fino de la jaro estis jena: NEDERLANDO: 204 (227), FRANCIO: 335 ( 335), DANLANDO: 97 ( 89), AŬSTRIO: 120 ( 101), SVISLANDO: 67 ( 45), NORVEGIO: 50 ( 59), SVEDIO: 97 ( 91), GERMANIO: 489 ( 430), AŬSTRALIO: 17 ( 17), ITALIO: 58 (83), FINLANDO: 60 ( 60), BRITIO: 27 ( 41), BELGIO: 12 ( 12), Sarlando: ---- ( 16), HISPANIO: 48 ( 43), JUGOSLAVIO: 48 ( 34).

**Izolaj membroj:**

JAPANIO: 2 (2), Ĉeĥoslovakio: 19 (19), ORIENT-GERMANIO: 12 (10) , PORTUGALIO: 2 (2), USONO: 3, (2), MAROKO: 2 (2), Alĝerio: 1 (1), NORD-RODEZIO: 1 (1), SOVETIO: 1 (0), HUNGARIO: 1 (9), POLUJO: 1 (9).

Parenteze vi vidas la membronombron en la koncernaj landoj en la pasinta jaro por komparo. Ni do konstatu, ke la nombro da landaj sekcioj nun estas 15 anstataŭ 16 en la jaro antaŭa. Tamen ekde la 1an de januaro 1957 Sarlando pro la konvencio inter Germanio kaj Francio realiĝis alla unue nomita ŝtato, pro kio la sarlandaj kolegoj aliĝis aŭtomate al GEFA.

Cetere ni vidas kreskon en Danio, Aŭstrio, Svisio, Svedio, Hispanio, kaj Jugoslavio, kaj Germanio. Kontraŭe estis regreso aŭ regreseto en Nederlando, Italio, kaj Britio. En Francio, Norvegio, Aŭstralio kaj Belgio la membronombro restis stabila.

En la ceteraj aliĝintaj landoj nur en Orient-germanio aliĝis du novaj membroj kaj kiel nova lando aliĝis al IFEF Sovetio, Polujo kaj Hungario. La nombro da aliĝintaj landoj nun ESTAS 26 ( 24) kun entute 1771 MEMBROJ (1704).

Tiu ĉi nova membronombro kaj la nombro da aliĝintaj landoj signifas por nia IFEF du novajn rekordojn. La kresko en 7 landaj sekcioj, la ekvilibro en 4 landaj sekcioj, la aliĝo de 3 novaj landoj kaj la regreso en nur 3 landaj sekcioj, donas tre favoran bildon pri la konstan-

ta evoluado inter la fervojistaro. Rimarkiginde estas, ke la regreso en Italio nur estas administracia ĉar ĝi fakte jam okazis dum la pasintjara jarŝanĝiĝo. En 1956 niaj italaj kolegoj reorganizis la movadon kaj notis esence etan kreskon. En Britio mankas la persona kontakto inter la membroj kaj ni jam penas trovi solvon. Estas tamen necese, ke ankaŭ flanke de niaj britaj gekolegoj venu sugestoj, kiuj povu kontribui alforigo de la nunaj malfacilaĵoj. En Nederlando kelkaj opinidiferencoj inter la landa kaj internacia estraroj malfavore influis la kunlaboron sed la bona harmonio inter ambaŭ revenis.

Kontraste al mia pasintjara raporto mi nun povas esti iom optimisma kvankam mi ne subtaksas la venkendajn malfacilaĵojn en la nuna jaro. Se ĉio disvolviĝus en 1957a laŭ miaj surpraĵaj pripensoj kaj deziroj, tiam estus eble atingi membronombron de 2000, kio estus impona donaco al nia IFEF dum la jubilea kongreso en Aarhus.

**La administrado:**

En la administrado ni ankaŭ rompis kelkajn rekordojn ĉar alvenis en 1956 ne malpli ol 549 leteroj, poŝtkartoj kaj presaĵoj, forsenditaj estas 242 leteroj kaj poŝtkartoj, krome 33 presaĵoj ekskluzive la Bultenoj. Tio klare ilustras la faritan laboron sed ankaŭ la favoran evoluadon de nia organizaĵo, Sincere mi deziras danki la multajn gekolegojn, kiuj plifaciligis al mi la taskon aŭ iamaniere helpis min. Ekzemple mia ĉiam aktiva samideano Schuchmann, reprezentanto de la Germanaj Fervojoj en Parizo, verkis artikolojn pri Esperanto kaj tiurilate skribis al U.C.I. kaj la Karbo kaj Ŝtal-komuneco pri ĝia praktika apliko. La respondoj estis vere esperigaj kaj dank'al la bonvolemo de nia Franca samideanino F-ino Lemonnier la koncernaj instancoj ricevis la informojn pri nia movado en la Franca aŭ Germana lingvoj.

Kiel en ĉiu familio regu ankaŭ orde kaj akurateco en nia administrado kaj por konservi tion estis necese renovigi la membrolistojn kaj havigi al ni leterordigilojn. Tempraba laboro, kiu nur povis okazi dum la mallongaj paŭzoj en la administrica laboro. Pro tio ne ĉiam estis eble respondi al interesaj artikoloj aperintaj en landaj organoj, kiuj sendube meritis klarigojn detalajn. Ekzemple la artikoloj en *Jugoslavia Fervojisto* pri la partopreno de nespertaj esperantistoj al niaj kongresoj kaj pri la tasko de nia IFEF-Bulteno. Tiaj artikoloj pruvas la vastan intereson pri nia movado fervojista inter la membroj kaj povas grave kontribui al pli bona reciproka kompreno pri la nevideblaj malfacilaĵoj ktp. Ne gravas ĉu la koncerna artikolo estas prava, neprava aŭ malprava, ĝi respeguligas la pensojn de la verkinto kaj pensigas aliajn pri la sama temo. La landaj organoj estas bona interkontaktilo inter la membroj rekte kun la ĉefestraro, kiu siavice povu sondi eblecojn, kiuj povus forigi neperfektaĵojn, kvankam la eldonado ĉefe celas la kontakton de la membroj en la koncerna lando. Tiamaniere la ĉefestraro tamen plej efike interkonatiĝas kun la interna vivo de la sekcioj.

Kun ĝojo ni povis saluti la eldonon de propra organo en Aŭstrio helpe de la Fervoja Administracio kaj sinceran dankon al ĉiuj sekcioj, kiuj tiom akurate sendis al ni la aperantajn numerojn.

Malgraŭ la grava plimultiĝo de la ricevitaj korespondaĵoj mi, se mi ne eraras, sukcesis respondi al ĉiuj. Se estiĝis iufoje prokrasto de mia respondo, oni estu tiel bonvola pardoni tion al mi.

**La estraro:**

Nenia ŝanĝo okazis en la estraro, kiu kunvenis kiel eble plej regule kaj la kunlaboro estas plej harmonia. La 1an de januaro 1957 ankaŭ la prezidanto forlasis la fervojan servon kaj estas pensiumita, sekve nun estas du pensiumitoj en nia estraro. Niaj avertoj, prepari sin por la elekto de nova estraro en nia jubilea kongreso, montriĝas ne troigitaj. Estas preskaŭ certe, ke baldaŭ nia asesoro, Dryfhout ĉijare sekvos kaj en 1958 mi mem atingos la aĝon por fini la laboron ĉe la fervojoj.

Malgraŭ ke ni ne subtaksas la malfacilaĵojn, ni ne cerbumadu senfine pri io neevitebla. La organiza kapableco de la nunaj estraranoj ne povas esti obstaklo sur la vojo al kontentiga solvo ĉar estas en nia rondo dekoj da organizkapablaj gekolegoj, eĉ pli taŭgaj.

La problemo tamen estas ĉu tiaj gekolegoj pretas oferi por nia komuna idealo dum certa periodo sian tutan libertempon. Mi honeste konfesu, ke la nuna administracia laboro tute ensorbas ĝin sed se necese oni elektu estraron konsistantan el pli da personoj.

Krome, en tempo de neceso oni senŝeligu terpomojn per hakilo kaj surtabligu sugestojn pri la formado de internacia estraro, kies taskoj estu dividataj laŭ kelkaj landoj kaj tiel, ke tio garantias akuratan funkciadon. Al la landaj estraroj mi konsilas pritrakti ĉi tiun punkton en specialaj estrarkunvenoj por ke ni komune povu decidi pri la plej bona solvo en Rijeka. Eĉtiam ankoraŭ restos al ni tuta jaro por ordigi laŭ la kongresdecido la transprenon de la gvidado. Ni do interkonsentu, ke ni serioze ekzamenu la diversajn eblecojn por ke ne okazu stagno en la prospera antaŭeniradon de nia amata IFEF, kiu en la naŭ jarraportoj prezentis seninterrompan kreskadon.

Ni ne hezitu senvualigi la sekretojn, kiuj kondukas al sukcesplena laboro, almenaŭ por tiuj, kiuj opinias la ĉefestraranojn superhomaj estaĵoj. Tro forte oni ĝenerale akcentas la respondecon, kiu por la Internacia estraro ne estas pli granda ol por la landaj estraroj.

Estos morala devo post la estrarŝanĝiĝo, ke la landaj estraroj kaj la eksiĝinta ĉefestraro donu la plenan subtenon sur ĉia tereno al la novelektita ĉefestraro. Post unu aŭ du jaroj ĝi gvidados nian organizaĵon kvazaŭ ne okazis estrarŝanĝo.

Bedaŭrinde ne la tuta estraro povis ĉeesti en la 8a kongreso en Stokholmo ĉar nia pensiumita kasisto kaj la asesoro Hoen pro privataj kaŭzoj devis resti hejme. En Parizo la redaktoro reprezentis la IFEF-estraron en la jarkunveno de FFEA, sed ni petas pardonon al la landaj sekcioj, kiuj ankaŭ petis sendi reprezentanton al la jarkunvenoj sed pro manko da tempo kaj senpagaj biletoj ni ne povis akcepti la afablajn invitojn. Akceptu tamen nian koran dankon pro ili!

Ĝenerala superrigardo:

Kiam ni nun post la bilanco pri la jaro 1956a ĵetas rigardon malantaŭen ni vidas bildon ne malfavoran por la estonto. Kiel kutime ni ricevis ĉirkaŭ la jarŝanĝiĝo dekoj da bondeziroj kaj informoj kuraĝigaj aŭ iom pesimismaj. Estas la momento por senŝarĝigi la korojn pri la spertoj en la ĵus pasinta jaro. Estas jam malfacile en normalaj cirkonstancoj konjekti tion, kion la nova jaro alportos, en ŝanĝiĝemaj cirkonstancoj oni estas hezitema tion fari. Rilate al la politikaj streĉiĝoj en la mondo nia movado estas tre sentema kaj grave influas favore aŭ malfavore la vivon kaj aktivecon en internacia organizaĵo. Dependas de la persisto, toleremo kaj idealismo inter la membroj ĉu ni kune sukcesos venki eventualajn malfacilaĵojn sur nia vojo al la celo.

La rezultoj en la pasinta jaro ne estis eksterordinare brilaj, sed ankaŭ ne senikuziigis nin. Kontraŭe ni ĉerpu freŝajn fortojn el la fonto de l'espero, ke iam falu la fruktoj multnombre en nian sinon. Estu por ni kontentigo, ke ni pasintjare en maltrankvila mondo eĉ faris etan paŝeton antaŭen. Neniam ni forgesu, ke ni dise loĝantaj en la mondo tamen kune formas unuecon. La perdon aŭ regreson en iu lando pro la tieaj cirkonstancoj ni nuligu per varbado de novaj membroj en aliaj landoj. Tiel ni sukcesos konservi la ekvilibron au fari ĉiujare la etan progreson, kio donos al ni ĉiuj la necesan fidon.

Imitindan ekzemplon donis laŭ informoj nia hispana kolego Miro, kiu varbis en Barcelona 13 novajn membrojn kaj en kunlaboro kun kolego instruas Esperanton al fervojistoj dum la manĝopaŭzoj.

Pro morto ni perdis en 1956 kelkajn kolegojn: Marcel Brezol el Francio, Gottfried Heidl el Aŭstrio, S.A. Bilfeldt el Svedio kaj Jan Roosenboom kaj W.F. Verheijen el Nederlando. Ke ili ripozu en paco.

La spaco en nia organo necesigas koncizecon de mia jarraporto sed mi esperas, ke ĝi donu al ĉiuj klaran bildon pri la rezultoj kaj farita laboromen la pasinta jaro. Ni do komencu la novan jaron kun iom pli da optimismo, venu multnombre al Rijeka por demonstracii vian neestingeblan entuziasmon por nia bela idealo.

La sekretario: J.L.

## JARRAPORTO DE LA KASISTO

Pri la financa stato de I.F.E.F. la anoj povas esti kontentaj. La Estraro intencas eldoni Bultenon sep foje jare: Pro diversaj kaŭzoj tio ne okazis, tial la kostoj estas malpli ol la estraro supozis en la komco de la jaro. Sed nun en Januaro aperos la sepa numero.

La Kongreskomitato en Stokholmo same la Zuriĥa komitato donis la tutan gajnon el la tombolo por la profito de Bulteno. Ankaŭ multaj anoj libervole plialtigis sian kotizon profite la Bulteno.

Komprenu bone se ni volas pligrandigi I.F.E.F. nibezonas monon. Volonte ni volos eldoni la Bultenon plifoje ol ĝis nun.

Sed eldoni bultenon unu fojo kostas proksimume 300 nederlandaj guldenoj.

| Enspezoj 1956 | | Elspezoj 1956 | |
|---|---|---|---|
| Saldo 1.1.56 | 902.34 | Preskostoj Bulteno | 1658.35 |
| Kotizo Membroj | 1697.43 | Poŝtmarkoj Bulteno | 128.41 |
| Abonoj Bulteno | 29,23 | Poŝtmarkoj Prezidanto | 3.00 |
| Donacoj Bulteno | 429.92 | Poŝtmarkoj Sekretario | 47.61 |
| Venditaj Glumarkoj | 18.22 | Poŝtmarkoj Kasisto | 4.52 |
| | | Kontorbezonaĵoj | |
| | | Sekretario | 10.07 |
| | | Kasisto | 30.24 |
| | | Redaktoro | 7.50 |
| | | Estrarkunvenoj | 7.50 |
| | | Subvencioj | |
| | | S.A.T. 1955 en 1956 | 21.00 |
| | | U.E.A. 1955 en 1956 | 21.00 |
| | | F.E.R.N. jubileo | 25.00 |
| | | SALDO 31/12-56 ........ | 1112.94 |
| Entute | 3077.14 | Entute | 3077.14 |

## BUDĜETO PRI 1956

| Enspezoj | | Elspezoj | |
|---|---|---|---|
| Saldo 31/12.56 | 1112.94 | Preskostoj Bulteno | 1800.00 |
| Membroj Kotizo | 1800.00 | Poŝtmarkoj Bulteno | 200.00 |
| Donacoj Bulteno | 150.00 | Estrarkunvenoj | 10.00 |
| Vendotaj glumarkoj | 10.00 | Kontorbezonaĵoj | 25.00 |
| Abonoj Bulteno | 50.00 | Administraciaj kostoj | 75.00 |
| Pagenda Kotizo | 244.35 | Subvencioj | 21.00 |
| Pagenda Abonoj | 136.00 | Diversaĵoj | 25.00 |
| | | Ne antaŭ vidota | 100.00 |
| | | Provisora saldo | 1247.29 |
| Entute | 3503.29 | Entute | 3503.29 |

## BILANCO PRI 1956

| | |
|---|---|
| Saldo 31/12.56 | 1112.94 |
| Glumarkoj | 73.62 |
| Skribmaŝinoj | 200.00 |
| Aliaj havaĵoj | 1.00 |
| Pagenda kotizo | 244.35 |
| Pagenda abonoj | 136.00 |
| Entute .... | 1767.91 |

La Kasisto de I.F.E.F.

W. Biesheuvel,
Ceramplein 58 huis,
Amsterdam -O.

## ALARMKRIO DE LA REDAKTORO

Almenaŭ sesfoje en la jaro ĉiu ano havas la okazon kontroli la agedon de la redaktoro, juĝi pri sukcesoj aŭ malsukcesoj, konstati pri kresko aŭ regreso en lia laboro.

Tial parodokse ŝajnas ke ankaŭ li, kiel la sekretario kaj kasisto, unufoje en la jaro verku raporton pri stato en sia fako.

Tamen, tia raporto prezentas la okazon diri kelkajn vortojn pri ĉio kio rilatas nian organon:

Kiam antaŭ ok jaroj mi akceptis la gvidadon de Federacia Bulteno, mia unua deziro estis anstataŭi la iom malnete stencilitan, malregule aperintan komunikaron de IFEF per pli bonaspekta regule aperanta organo, kiu estu sendata al ĉiu ano de IFEF.

La rezultato de la klopodoj estis kontentiga. La unuaj - ofte kvarpaĝaj - numeroj ĝuis entuziasman akcepton. Stimulaj leteroj kaj alsendo de jam kelkaj artikoletoj instigis nin pligrandigi la paĝonombron.

Tre singarde kaj iom palpe ni esploris la eblecon, ĉar ni ne volis riski regreson post ĵus komencinta progreso.

Iom post iom ni sukcesis eldoni *Bultenon* 12-paĝan, kvankam ne ĉiam estis facile trovi sufiĉe da kopio por ĉiu numero.

Malgraŭ ĉiuj klopodoj kaj malgrandaj sukcesoj, malgraŭ la kontentiga kunlaboro de kelkaj aktivuloj, nia organo, kvankam beleta laŭ aspekto, restis ankoraŭ modesta lau formato kaj enhavo.

Ankoraŭ ni ne atingis nian celon: eldoni pli grandformatan, presitan gazeton ĉiu-monatan.

En la kongresoj oni jam aludis pri tio, sed por atingi tiun staton ni bezonas unue solidan financan staton, kaj due aron da fiksaj kunlaborantoj,kiuj liveros almenaŭ du-trifoje en la jaro legindan artikolon

Per kotizoplialtigo ni do iom plibonigis la financan staton, kaj ni komisiis al la landaj estraroj elekti, ĉiu en sia lando,

iun kunlaboranton por *Bulteno*, kiu verku kaj havigu al la redaktoro materialon por enpresigi.

Saĝaj decidoj, kiuj promesis pluan floradon de nia organo. Bedaŭrinde, malgraŭ ĉi-lasta decido, aŭ ĝuste pro ĝi?, la alsendo de artikoloj por la bulteno fariĝis nula. Pri respondeculoj ni neniam aŭdis, artikoloj ne venis. Sekve nur kun granda peno mi sukcesis aperigi en la ĝusta tempo la deziratajn 12 paĝojn, kaj se ne ŝanĝiĝas tiu stato, mi baldaŭ devos malgrandigi la paĝonombron de Bulteno.

Tial mi uzas ĉi tiun spacon por la alarmkrio: *Vi, kiuj estas kapablaj por tio, sendu unufoje en la jaro iun artikolon por *Bulteno* kaj via organo restos, kvankam modesta, tamen leginda gazeto por la anaro de IFEF.

La Redaktoro.

## TAGORDO DE LA LABORKUNSIDOJ

1. Malfermo.
2. Salut- kaj ricevitaj leteroj.
3. Rimarkigoj pri la kongresraporto en Stokholmo.
4. Pritraktado de la jarraportoj.
   a. dela sekretario
   b. de la kasisto
   c. de la redaktoro
5. Pritraktado de la kongresproponoj.
6. Estrar-elekto. (La estraro estas reelektebla por 1957).
7. Elekto-kaskontrol-komitatano.
   b. Elekto konflikt-komitato.
8. Priparolo rilate al la estrarŝanĝo en 1958. (La estraro deziras demisii okaze de la 10a kongreso).
9. Elekto de kongresloko en 1958 kaj la provizora en 1959.
10 Libera diskutado.
11 Fermo de la laborkunsidoj.

## PROPONOJ

**De la estraro:** La kotizo restu la sama.

**Aŭstrio:** Okaze de la jubilea kongreso (10a) en Aarhus 1957 IFEF eldonu belaspektan afiŝon pendigota en la ejoj fervojaj, sindikataj ktp. Komentoj en la kongreso.

## TAGORDO DE LA ESTRAR - KAJ DELEGITARA KUNVENO

1. Malfermo.
2. Raportoj de la landaj delegitoj. La raportoj enhavu la samajn detalojn kiel pasintjare. Kompilu do ekzaktan raporton kun sugestoj.
3. Eventualaj rimarkigoj pri la kongresproponoj.
4. Priparolo pri la estonta gvidado de IFEF post la estrarŝanĝo en 1958a.

5. Proponoj pri novaj punktoj por la laborkunsidoj.
6. Fermo.

## KUNVENO DE LA TERMINARAJ KOMITATOJ

1. Malfermo kaj elkto de prezidanto.
2. Raportoj de la landaj kunlaborantoj pri la faritaj laboroj.
3. Sugestoj pri nova tasko.
4. Fermo.

## LA TERMINARA LABORO

S-ro Rittersprach, la gvidanto de la Terminara Komitato,estas devigata dum kelkaj monatoj meti flanken la terminara laboro, ĉar la studado por profesia ekzameno postulas lian tutan tempon kaj energion.

Ankaŭ hdliaŭ vi ne ricevas prespretan raporton, sed mi nur povas rakonti al vi rapide la staton de la afero.

Mi informis ĉiujn kunlaborantojn pri la kaŭzo de mia laborĉeso,kaj mi promesis rekomencon post mia ekzameno. Mi jam antaŭĝojas tiun tagon, ĉar la terminara laboro vere allogas min.

Sed malgraŭ mia pasiveco la afero plumarŝas. Interalie mi ricevis kvarlingvan terminaron: anglan-francan-italan-germanan de U.I.C. pri financaj kaj administraj aferoj. Mi volas serĉi kontakton kun U.I.C. Mi sentas min tre malkontenta ĉe tiu ĉi letero, kaj entute rilate la IFEF-laboron, ĉar ŝajnas al mi kvazaŭ mi perfidas la Terminaran Sekcion en tiu momento kiam ĝi plej urge bezonas min.

Tamen mi esperas, ke vi kaj ĉiuj kunlaborantoj, ankaŭ s-ideano Labordus,komprenos ke mia profesia ekzameno estas por mi nuntempe la plej grava.

En la germana fervoja bulteno mi publikigas vortliston por montri al la germanaj legantoj ke oni laboras sur tiu kampo*

Jen la plej grava el la letero de s-ro Rittersprach. Ni esperas ke li brile sukcesos en sia profesia ekzameno, kaj ni senrezerve fidas je liaj asertoj, ke post tio li rekomencos kun plena energio sian laboron por la Terminara Komitato.

## 25-JARA JUBILEO

La 22an de marto la *Unua Nederlanda Fervojista Esperantista Grupo* (UNFEG) en Amsterdamo ekzistos 25 jarojn.

Tiun okazontaĵon ĝi feste memoros en amuza vespero je la sama dato, en la bela salono de *Krasnapolsky*, ne malproksime de la Centra stacidomo. La programo enhavas: Kantojn, muzikon, teatraĵon ktp.

Al eventualaj eksterlandaj gastoj, kiuj sufiĉe sin anoncos, ni klopodos havigi senpagan tranoktejon. Skribu al la sekretario de UNFEG: s-ro H.Hoen, Von Liebigweg 7, Amsterdam Oostm Nederlando.

Por eviti paroladojn dum tiu festvespero, la estraro akceptos interesatojn en la posttagmezo de la sama tago.

Por akcenti la internaciajn rilatojn de la esperantistoj, ĝi deziras en malgranda ekspozicio montri ricevitajn gratulleterojn kaj -kartojn el multaj landoj. Tro malmulte da ili atingis nin post la unua alvoko en *Bulteno*.
Ankoraŭ estas tempo por skribi al la prezidanto de UNFEG: sinjoro K.G.J. de Jong, Von Liebigweg 26, Amsterdam Oost.

## ESPERANTO KAJ LA ABSTINENCULOJ

La Sveda Fervojista Esperanto Federacio turnis sin al la Sveda Fervojista Societo de Abstinenculoj kaj petis ilin trakti la studadon de esperanto kaj uzon de esperanto ĉe siaj internaciaj kunvenoj.
La fervojistaj abstinenculoj havas tre fortan internacian organizon. Ili renkontiĝas ĉiujare en diversaj landoj, kaj kongresas ĉiun duan jaron. Sed montriĝis por ili kiel por multaj aliaj organizoj, ke la lingvaj malfacilaĵoj ĝenas la internaciajn rilatojn, kaj multon ili perdas de utilo kaj plezuro ĉe tiuj internaciaj renkontiĝoj, ĉar interpretado de vojaĝgvidanto ne sufiĉas.
Ĉi-jare (la 24an de majo) la fervojistaj abstinenculoj kongresos en Kalmar, Svedio, kaj tie ili traktos nian petskribon pri esperanto.
Pro tio ni petas la esperantistajn kolegojn, kaj precipe tiujn, kiuj apartenas al la abstinenculaj societoj, ke ili gardu kaj subtenu la traktadon de tiu, por nia movado tre grava afero.
Propagandu ankaŭ same inter la fervojistaj sportuloj.

Hj. Olssen.

## EKFUNKCIIGO DE NOVA FERVOJLINIO MOSKVA - ULAN BATOR - PEKING

Proverbo de niaj praavoj diras, ke salo supervaloras oron. En la Mongolia popoldemokrata respubliko en la regiono de Gobi oni ne komprenus la sencon de tiu ĉi proverbo. En la mongolia Gobi nome multe pli valora ol salo kaj oro estas akvo.
Dum la nordan duonon de Mongolio trafluas grandaj riveroj, kiel ekz Selenga kaj Orĥon, kiuj akiras akvon en la arbaroj de la montaro Ĥangaj, en la Mongolia sudo Gobi entute ne troviĝas riveroj.
La suno pridonacas la regionon de Ĥovd per siaj radioj ankoraŭ pli abunde ol en la ceteraj regionoj de Mongolio. Tamen eĉ tiu ĉi havas relative sufiĉe de akvo. Oni nomas ĝin la Mongolia Riviero, kaj ĝia ĉefurbo Ĝargalant (Ĥovd)estas la plej historie malnova urbo en la lando. En la regiono de Ĥovd oni trovos la naturon de la tuta Mongolio koncentrita. En ĝia norda parto troviĝas granda lago Ĥar Us-nur, (ĥar-nigra, us-akvo, nur-lago) kien enfluas la rivero Ĥovd-gol.
Tiu ĉi Ĥovd-regiono etendiĝas suden per altaj montpintoj de la mongolia Altaj-montaro, kiuj eĉ somere estas kovritaj de neĝo.
La arbaroj sur la deklivoj de tiu ĉi montaro estas ju pli malsupren, des pli dense anstataŭataj per kulturataj kampoj, kaj tiuj plue per stepo.Se vi havos feliĉan okazon, vi ekvidos tiuloke bildon, kiun forgesi ne eblas. Vi nome troviĝos sieĝita de antiloparoj. Vi estos en

ebenaĵo,kies formo memoros al vi la supraĵon de tablo,kaj ĉie ĉirkaŭe kie la ĉielo fajre kisas la teron dum sunsubiro, kuradas grandegaj aroj de antilopoj. Ilia hufsonado en la ĉirkaŭanta silento similas al malproksima tondrado. Kaj tute en la sudo de tiu ĉi regiono etendiĝas la nature efektiva dezerto de Gobi kun relative multaj oazoj.

Sed la mongolia sudo - la efektiva propra Gobi - ne estas dotita per akvo tiom malavare.Pri tio konvinkiĝis la konstruantoj de la nova fervojo, per kiu estis ekligita kontakto inter ĉefurboj de tri ŝtatoj: de Sovetio,Mongolio, kaj Ĉinio. Sed eĉ ne la potenca Gobi kapablis rezisti senfine la planojn, volon kaj kuraĝon de homoj, kies celo estis batali por la venko de estonta feliĉa vivo.

La linio de la nova fervojo mezuras 714 km sur la teretorio de Mongola popoldemonkrata respubliko.Ĝi ne estas la sola linio en tiu ŝtato Dum la jaro 1937 estis konstruita la unua etspura fervojo, kiu ligis la ĉefurbon Ulan Bator kun la proksima karbobaseno ĉirkaŭ la urbo Nalajhi. Larĝspura fervojlinio atingis Ulan Bator nur en la jaro 1949 kaj ebligis tiamaniere konekton kun Moskva. Temis pri flanklinio de la transsiberia granddistanca fervojlinio el la urbo Ulan Ude, kiu situas orienten de la lago Bajkal.

Ankaŭ la oriento de Mongolio posedas hodiaŭ jam sian fervojlinion. La dua plej granda urbo de Mongolio - Ĉojbalsan - ja eĉ estas fervoja krucpunkto. Ĉi tien kondukas linio de la sovetia urbo Borzja kaj tiuloke ĝi dividiĝas sur la teritorio de Mongolio en du direktojn, al Bajan Ul kaj al Tamcag Bulag.

Ne estas bagatelaĵo konstrui fervojon en lando, kiu estas 6½-oble pli granda ol la propra reĝlando Anglujo, 5-oble pli granda ol Italujo kaj 3-oble pli granda ol Hispanujo, entenante tamen nur unu milionon da enloĝantoj. Dum tiu situacio estas grave havi fidelajn kaj komplezajn amikojn, kiuj helpas al la konstruado.

Mongolio havas multajn amikojn; al du el ili ĝi ja eĉ najbaras. Sovetio kaj ĉinio helpis al la konstruado de la nova fervojlinio. Sovetaj inĝenieroj kaj fervojistoj gvidis la konstruadon de la fervojlinio sur la teretorio de Mongolio tra stepo kaj dezerto de Gobi.

Ne estis facila tasko venki Gobi-n La dezerto defendis sin - oni povas diri - dente-unge. Ĝi uzis ciujn rimedojn por defendi sin. ĝi turmentis la konstruantojn de la linio somere per varmegoj, vintre per kreviĝaj frostoj, sude ĝiaj vagantaj sablodunoj ree kaj ree superŝutadis la trakojn. Sed ĉefe - gi ne volis liveri akvon, tiom bezonatan por homoj kaj maŝinoj.

En la tuta liniparto sur Gobi estis nur unu puto. Hodiaŭ estas ĉi tie ekzemple fervojstacio Manitu, sed kiam oni ekkonstruis la fervojon, ĝuste ĉi tie estis puto kaj paŝtistoj pelis ĉi tien siajn soifantajn bestarojn. Tiu ĉi loko estis nomata: *Puto apud roko*.

Nur printempe 1953 elkraskis ĉi tie kelkaj tendoj kaj pli poste ankaŭ domoj. Kaj de ĉi tie komenciĝis ankaŭ la fama *marŝo* al interno de Gobi. Ĉiam estis necesa pli da akvo. ĉiu guto estis altvalora trezoro. La sovetaj konstruantoj serĉis do do pluajn akvofontojn kaj ilia klopado estis rekompencata de sukceso. Kelkloke laŭlonge de la linio est-

is trovata akvo. Oni devis elkavigi profundajn putojn, ĉe ili konstrui pumpilarejojn kaj - ĉar la akvo troviĝis kelkloke 10 ĝis 15 km flanke de la linio, estis necese enterigi ankoraŭ longajn akvokondukajn tubarojn.

Speciale ĉe Sajnŝanda, la ĉefurbo de orientgobia distrikto, la trovo de akvo estis okazaĵo, pri kiu parolis ĉiuj civitanoj de la tuta regiono. Nome ĉi tie estis necese alveturigi akvon al kelkaj lokoj de ĝis 150 km malproksimo, ĉu en bareloj sur veturiletoj trenataj de ĉevaloj aŭ jakeoj, ĉu en aŭtomobilcisternoj, kiuj eĉ ne kutimas veturigi benzinon. Kaj tamen la nova akvo troviĝig nur 3 km de la stacio, en netroa profundo (kompreneble por la tieaj cirkonstanco) de nur 75 m. Estis necese konstrui pumpilarejojn kaj meti 3 km-longan tubaron.

La loĝantoj de Sajnŝanda kaj paŝtistoj, kiuj vivas laŭlonge de la fervojlinio, venis helpi al la konstruantoj de la fervojkinio, kunportante hakfosilojn kaj fosilojn. Kelkajn tagojn da laboro anstataŭ ripoztagoj, kaj la nova akvokondukilo estis preta.
Hodiaŭ estas provizita per akvo ne nur la stacio kun lokomotivejo, sed ankaŭ mem la urbo Sajnŝanda.

La fervojo kreis novan vivon en la stepo. La ferfojlinio tra Gobi ŝanĝis la vivon de ka tiea loĝantaro. Viviĝis la stepo kaj dezerto kie ankoraŭ antaŭ nelonge estis nenio krom malgrasa herbo, sovaĝa dromedaro kaj en la aero svebis vulturo.
De post la 1a de januaro de tiu jaro, fajfado de lokomotivoj trapenetras jam regule la ĉi tiean klaregan aeron. Temas pri eminenta okazaĵo.

La trajnoj veturigas nun komforte feliĉajn, ridantajn homojn tra la lando, kie pli frue vojaĝado estis sole privelegio de kuraĝuloj.
Hodiaŭ oni povas komforte vojaĝi en litvagono de Sajnŝanda aŭ Zamin-ude ĝis al Moskva aŭ al Peking. Tri ŝtatoj estis kunligataj per paraleloj de reloj, kiujn la popolo mem baptis per la nomo: linio de kunuleco, nomo, kiu apartenas al ĝi grave.

(Artikolo en Rudé právo n-ro 15/1956, tradukis: -eto).

**KORESPONDPETOJ:**

Staciestro en Nov-Zelando, kiu ĵus aliĝis al IFEF, deziras korespondadi kun kolegoj, okupantaj samajn oficojn. Skribu ĝo multnombre al jena adreso:
S-ro James Young, 18 Caius Avenue, Gonville, WANGANUI, Nov-Zelando.

En HUNGARIO la prezidanto de la tramista esperantistaro deziras korespondadi kun kolegoj Amsterdamaj konstante. Skribu al jena adreso:
S-ro Rudolf Hrach, Pesterzsébet. Scéchényi u.5. Budapest XX. aŭ al:
Tramista Esperantistaro, Budapest VII, Akácfa u. 15.